# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**

*Lingvoilo Google Translate Plena Ilustrita Vortaro*

**PLENUMITA 20/04/2017 Tricentdekoka eldono (unua eldono 20/09/2011)**



Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**



SENDATA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

Oni povos metu siajn nomon, retadreson, kaj nomon de siaj lando kaj urbo al la ricevanta listo rspring@tpg.com.au

Ekstudis pli ol **815,000** lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo.

https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online (Ekde la 28a de Majo 2015)

**La** Esperanta Retradio **donas bonan ĉirkaŭ-5-minutan aŭskultadon/legadon ĉiun tagon.**



http://esperantaretradio.blogspot.co.at/?view=magazine

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# GRAMATIKA EKZERCO. 17.



### Ĉu "kiel" aŭ 'cu "esti"?

Ekzistas du manieroj similaj ĉe la uzado de verboj kiaj "juĝi". Se mi juĝas mian bofilon kiel mian filon, mi juĝas ambaŭ en la sama maniero. Sed mi ne povas juĝi mian bofilon mia filo, kiel mi juĝas mian hundon (esti) mia amiko, ĉar mia bofilo neniam povos esti mia filo.

Tamen kiam mi uzas alian vorton anstataŭ "mia filo", mi povas uzi la esprimon sen "kiel": "Mi juĝas mian bofilon kiel honestulon" povas esprimati kiel "Mi juĝas mian bofilon honestulo", aŭ "esti honestulo". En ĉilasta kazo oni povas uzi la "kiel"-formon kaj diri "Mi juĝas mian bofilon kiel (mi juĝas) honestulon", kion Zamenhof preferis uzi. En la "kiel"-kazo oni tamen devas zorgi pri la akuzativo: En "Mi juĝas mian bofilon kiel honestulo", mi estas la honestulo kaj mi juĝas la bofilon (pri io ajn), ĉar la frazo signifas nun "Mi juĝas mian bofilon kiel (= en la sama maniero kiel) honestulo juĝas mian bofilon".

Marcel Leereveld.

*Marcel Leereveld*.

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Skribu al AE

AE havas 330 ricevantojn.





# La Manlia Esperanto-Klubo



Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabatojn je la 10atm.

Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da klubpagata kafo

La 15an de Aprilo venis Roger, Chris, Michael, John, Eunice, Ian.

*Mi ĉeestas tiun bonan Esperantan klubon kaj raportas al AE pri la klubo.* *Roger Springer*



(Por havi raporton en AE, via klubo bezonos sendi informon/raporton al AE)

Sunplena vetero por la Paska ferio lastan sabaton regis spritan renkontiĝon apud la haveno.

La babilado estis iom bona kaj iom malbona:

Eunice antaŭĝuas la viziton el Kalifornio de la nepino kaj pranepoj. Bonvenon al ili;

Ian menciis ke viskio kiun oni distilas en Albany, Okcidenta Aŭstralio gajnis internaciajn akoladojn.

Ĝia kvalito kaj aparta gusto estas plejparte la rezulto de torfo.

Oni iel uzas ĝin en la traktado de viskio do la torfo, kiun konsistigas indiĝenaj plantoj, kreas unikan guston por la premiita trinko.

Bedaŭrinde la komputilo de Roĝero havis grandegan problemon do li havis malfacilaĵon elsendi la Novaĵleteron.



Kvankam li suferis pro tiu fakto dum la mateno, li kuraĝe gvidis la komencanton Michael.

Bonŝancon, Roĝero.

*Chris Holliss*

# Semajna raporto de Melburno



## PIKNIKO POR KUNMEMORI LA 100AN DATREVENON DE LA MORTO DE Z.

Je sabato la 15a de Aprilo, 21 homoj kunvenis (inkluzive de vizitanto de Belgio) ĉe Batman Park en la urbocentro. Malgraŭ la foja bruo de la apudaj helikopteroj kaj trajnoj ni ĝuis kradroston kaj babiladon. Post la manĝado kelkaj el ni legis verkaĵojn de kaj pri Zamenhof.











**DIMANĈAJ KUNVENOJ**

Dimanĉon la 16an de Aprilo Heather gastigis grupeton por tre bongusta tagmanĝo honore de nia gasto de Belgio. Poste, kvin homoj kunvenis ĉe "Cafe Beer Deluxe" en Federation Square. Ni nur babilis kaj ĝuis la etoson de la posttagmezo.

**VENONTAJ KUNVENOJ**

Dimanĉon 16an de Aprilo je 15:00 Kunveno por komencantoj ĉe Cafe Beer Deluxe, Federation Square

Lundon 17an de Aprilo je 18:30 Lunda kunveno ĉe Ross House, 247 Flinders Lane

Sabaton 29an de Aprilo je 19:00 Ludvespero ĉe Alchemists Refuge, 328 Little Lonsdale Street

**NUNAJ SEKVANTOJ** (Alklaku la nomon por iĝi plua!)

Meetup – 734 Instagram – 60

Facebook – 287 Telegram – 19

Twitter – 223

Joanne Johns

# Bob Felby skribis libreton pri

## Malgrava historieto pri mia vivo



*Li donis al mi permeson meti ĝin, iom post iom, en la novaĵleteron por montri kiom la vivmanieroj ŝanĝiĝis dum nur 80 jaroj Mi dankas lin Roger Springer*

### Enkonduko

Kiam mi, antaŭ multaj jaroj naskiĝis, mi ne sciis, kian vivon mi havos. Neniu povis scii tion, kaj certe ne mi. Sed laŭ la paso de la tempo mi iom post iom konvinkiĝis, ke mia vivo estas ĝuste tia, kian mi meritas. Evidente mi ne estis unu el la plej bonaj en antaŭaj vivoj, kaj nun estis mia vico suferi pro la multaj eraroj, kiujn mi iam antaŭe faris.

Mi neniam prenis parton en militopreparoj kaj revolucioj, ĉiam mi sukcesis eviti maljuston kaj perforton al aliaj !

Sed ne nur pri tio vi legos en tiuj ĉi memorskribaĵoj. Min ne interesas politiko, min pli interesas Esperanto kaj ĉio alia, kio estas bona !

Kompreneble ĉiu spertas bonon kaj malbonon dum la vivo, sed mi ne plendas. Ofte mi ne havis sufiĉe da mono, sed plej ofte mi havis, ĉar neniam mankis al mi io ajn, kaj miaj humoro, kaj sano, estis ĉiam relative bonaj.

Ĉion konsiderinte, al mi ne plaĉis la dana klimato, precipe ne dum la vintroj. Mi devas, malgraŭ ĉio, konfesi, ke nun, depost kiam mi fariĝis maljunulo, al mi ankaŭ ne plaĉas la aŭstralia klimato. Ŝajnas ke la homo estas nekontentigebla, ĉu ne ? Almenaŭ mi lernis, ke mi estas !

Kvankam estas, por iu kia mi, tre granda laboro verki siajn memorojn, kaj provi memori ilin, mi tamen faras tion, ne vane pensante ke mia vivo estas io speciala, kvankam ĝi por mi estas grava leciono, sed ĉar mi sentas, ke ne nur miaj genepoj kaj gefiloj, sed ankaŭ ĉiuj aliaj, precipe esperantistoj, kaj aliaj pacamantoj, povus profiti legante pri mia vivo, espereble decidante ne ripeti miajn erarojn.

Vi legos do pri mia evoluo kiel malriĉulo en Danlando ĝis pensiulo en Aŭstralio. Verŝajne vi trovos miajn skribajojn tro facilanimaj, sed tio estas nur ĉar mi estas facilanima !

*Daŭrigota* *Bob Felby*

## Novaĵservo Ret-Info / Lingvo-Studio

# Subtenu Esperanton ĉe la pola parlamento!




La 7-an de Aprilo 2017 la Pola Parlamento per aklamo akceptis rezolucion pri la memorigo de Ludoviko Zamenhof okaze de la 100-a datreveno de lia morto.
S-ino Anna Wasilewska *(parlamentanino el la urbo Olsztyn, neesperantistino)* kiel prezidanto de la *"parlamenta grupo por subteno de la lingvo Esperanto"* preparis la projekton de la rezolucio.

Vi povas subteni la parlamentan poresperantan agadon en Pollando, se vi esprimas vian atenton pri la menciita rezolucio, kaj sendas retpoŝtan gratulon kaj dankon al subaj retadresoj de anoj de la pola parlamenta subtena grupo.

– Anna.Wasilewska@sejm.pl – prezidanto
– Andrzej.Maciejewski@sejm.pl
– Anna.Bialkowska@sejm.pl
– Tomasz.Cimoszewicz@sejm.pl
– Grzegorz.Furgo@sejm.pl
– Katarzyna.Osos@sejm.pl
– Elzbieta.Stepien@sejm.pl
– Krzysztof.Truskolaski@sejm.pl - vicprezidanto
– Pawel.Bejda@sejm.pl
– Piotr.Cieslinski@sejm.pl
– senator@Czarnobaj.senat.pl
– Tomasz.Kucharski@sejm.pl
– Michal.Stasinski@sejm.pl

Jen la ligilo al la koncerna retpaĝo de retpaĝaro de Pola Parlamento:
http://www.sejm.gov.pl/sejm8.nsf/komunikat.xsp?documentId=C46335BE3AC0AB56C12580FB0033454D

Dankante vian kunlaboron, Marian Zdankowski, fresxo@gmail.com, Pollando
*Lingvo-Studio, L.S. www.eventoj.hu*

# Ĉantaĝa atako ! Cerber Ransomware !



Mi aĉetis novan komputilon sed perdis pli ol 90% de miaj dokumentoj.

Do se via nomo aŭ retadreso en mia sola malnova listo mankas kaj vi ne ricevas la novaĵleteron, ree sendu vian retadreson al mi, ankaŭ vian kapfoton por uzi kun viaj artikoloj

Estis aĉa afero. Sed mi ne pagos ĉantaĝan monon, eĉ se la kosto estos pli multe pli por eviti la postulon

*Roger Springer*

# Komentoj pri novaĵoj aperintaj en AE



Marcel regule prezentas gramatikajn problemojn rilate Esperanton cele klerigi tiujn, kiuj ilin legas . Li tre ofte kritikas la francojn kaj taksas ilin stultaj. Mi estas francdevena, do mi estas unu el tiuj stultuloj.

Tamen en la lernejo mi lernis ke la nomo de la tagoj en la franca estas komunaj nomoj kaj estas traktataj tiaj. Ili certe estas uzataj kun la artikolo ĉu difinita ĉu ne, ekzemple:
*Son cours de dessin a lieu le lundi.*
*Je l'ai vu à la gare un mercredi pendant les vacances*

Foje la artikolo estas aŭ ne estas esprimita laŭvole, ekzemple
*Dimanche est mon jour préféré aŭ le dimanche est mon jour préféré.*

Ĉu tiu ekzemplo pruvas ke francoj foje konsideras la nomojn de la tagoj kiel komunajn nomojn , foje ne?
Mi ne volas tro insisti ĉar la celo de AE ne estas analizi la francan lingvon.

Mi aldonos ke en Esperanto la komunaj nomoj (substantivoj) ne ĉiam bezonas artikolon ĉar ekzistas nur difinita artikolo ekzemple Petro manĝas pomon..
Ĉu "pomo" ĉi tie estas propra nomo pro tio ke antaŭ ĝi ne estas artikolo?

Duboplena Franciska Toubale

## 3ZZZ



En la elsendo de la 17 a de Aprilo eblas aŭdi intervjuon de la vizitanta esperantisto de Belgujo , Marc Cuffez ate de Heather kaj intervjuo de Serge Sire pri lia bildstrio Rejnoro. Parto de la elsendo estas dediĉita al Italujo.

Informas la kunvokanto, Franciska Toubale



# Respondo al « KIO OKAZAS EN MIA ĜARDENO.»

Mi ne havas botanikan scion, sed sperton en EsperantoKulturDomo de kastelo Greziljono..
Tie staris malnovaj ŝajnakacia robinio kaj sumako, ambaŭ estas invademaj arboj.
Kiam la robinio kadukis kun kava trunko kaj riskis fali sur tegmenton, ni forsegis ĝin, sed ĝiaj radikoj pluvivis. La radikoj longis ĝis 20 m, el ili kreskis ŝosoj, poste folioj. Ni elŝiris la ŝosojn por eviti fotosintezon per folioj. Tio daŭris 3 jarojn ĝis la radikoj malfortiĝis kaj mortis.
La maljuna likenplena sumako jam dum sia lasta vivojaro kreskigis ŝosojn ĝis 30 m de la trunko. Dum vintro ĝi renversiĝis entombige. Unu jaron post la falmorto ne plu kreskis ŝosoj.
El tiuj 2 eventoj mi komprenis ke la radikoj de arboj (patrino) uzas sian forton, por samtempe nutri kaj kreskigi aŭ unu grandan arbon (edzon), aŭ multajn ŝosojn (gefilojn).
Eble ankaŭ la Marcela cedro tiel funkcias, por ŝosoj el radikoj, sed ne per semoj.
Vizitu tiun paĝon www.gresillon.org/naturo

*Bert Ŝuman*